46 Num. ★ Madrido - Februaro - 1921 ★ V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa, Andaluzia kaj Aragona Federacioj„



T. G. MASARYK
* 7 - Marto - 1850
Prezidanto de la Ĉekoslovaka Respubliko,
honora prezidanto de la XIII Kongreso Esperantista

# En Praha atendas nin surprizo!

Ĉiu kongreso esperantista postlasas en memoro de la partoprenintoj sian specialan karakteron - ne parolante pri la agado en la kunvenoj—kiu neniam estas forgesata. Tia ekstera signo aŭ tieldire rimarkinda kvalito de niaj festoj estas ĉiufoje dependa de diversaj cirkonstancoj. Kiu partoprenis pli multajn kongresojn, trovos prava la asserton, ke la unua «antaŭkongreso» en Boulogne s. M. kaj poste la Unua internacia kongreso en la sama urbo estis la plej interesaj por ĉiu partoprenito pro sia originaleco. De post tiu tempo pasis deksep jaroj...

Inter la kongresoj pli malfrue sekvintaj unu estis rimarkinda pro modela aranĝo, alia pro la nombro de oficialaj delegitoj, alia pro la kvanto de kongresanoj k. s.

La skribanto de ĉi tiuj linioj, konante la movadon esperantistan inter Ĉekoj, en kies ĉefurbo okazos la kongreso nunjare, konsi-



PRAHA: PANORAMO DE HRADĈANY

Super labirintoj de antikvaj palacoj, el inter verda kadro leviĝas la estinta reĝa palaco. Super la tegmento vidiĝas turo de la katedralo de S. Vito (fondita en la jaro 1344), kie ripozas la korpoj de la bohemaj reĝoj. La palaco estas nun sidejo de la ĉefa respublika administracio kaj loĝejo de la Prezidanto. La ponto de Karolo IV, el la jaro 1357 sur 16 kolonoj, la plej malnova en centra Eŭropo, kunigas la melankolie silentan antikvan kvartalon kun la pli modernaj partoj de la urbo. La bordojn de la rivero kunigas dek pontoj, de kiuj kelkaj transpaŝas smaragde verdajn insulojn.

deras sin pravigita antaŭdiri la rimarkindajon de la XIII$^{a}$:

La esperanta semo ekĝermis en Bohemujo antaŭ dudek jaroj proksimume; la amikoj de la ideo eklaboris energie, fondante kursojn, serĉante rilatojn en fremdlando, starigante societojn. Kaj la vivo en tiuj centroj ne estis senfrukta! Kelke da dekoj da ili daŭrigadis senripoze la laboron komencitan de izolitaj entuziasmuloj, organizante en siaj regulaj kunvenoj tre kaj tre ofte paroladojn en Esperanto pri temoj plej diversaj, ludante en Esperanto teatron, farante ekskursojn, dum kiuj estis sole Esperanto parolata, fondante bibliotekojn, en kiuj aperas krom centoj da libroj esperantaj plimulto de niaj gazetoj.

Kelke da naciaj kongresoj kun ekspozicioj altiris la atenton de la publiko je nia movado ĉiam kreskanta, artikoloj en la gazetoj, eĉ regulaj rubrikoj en naciaj revuoj havigis multloke simpation al nia lingvo. En la kursoj oni trovis lernantojn de ĉiu sociala sfero, de ĉiu aĝo kaj profesio. Ekzistis baldaŭ an-



PRAHA: HISPANA SALONO EN LA PALACO HRADĈANY

Inter la 711 salonoj, kiujn entenas la majesta palaco, la plej notinda estas la «hispana», rimarkinda speciale pro sia vasteco (48 m longa, 24 m larĝa, 13 m alta) kaj pro sia impresiga beleco. Alia salono (longa 60 m) servis siatempe kiel turnirejo. Unua plua estis en la XVII jarcento riĉa muzeo de altvaloraj artistaj kolektoj. Neforgesebla estas por turisto la rigardo el fenestroj de la salonoj: maro da ruĝtegmentaj domoj, el kiu leviĝas centoj da turoj kaj kupoloj, pentrinde etendiĝas antaŭ li sur sep montetoj, inter kiuj kvazaŭ rubando rebrilas la rivero Vltava.

kaŭ centro de laboristoj, de blinduloj, virina klubo, studenta rondento. Tri aŭ kvar gazetoj, lernolibroj de diversaj autoroj, ampleksaj vortaroj helpis la studantojn. Vizitoj el fremdlando, precipe post la kongresoj internaciaj, kiam kelke da centoj da diversnaciaj samideanoj haltis en Praha, vigligis la entuziasmon.

Foliumu en la esperantaj gazetoj kaj vi trovos en ĉiu numero vicon da adresoj de korespondantoj el Bohemujo, Moravio, Silezio aŭ Slovakujo. Kaj la rezultato de tiuj rilatoj estas videbla: eĉ en la plej malgranda urbeto vi renkontos esperantistojn, ili montros al vi sian bibliotekon esperantan kun la sama fiereco kiel la nacilingvan, sian kolekton de objektoj ricevitaj interŝanĝe de la esperantistoj el ĉiuj partoj de la terglobo. Kaj reciproke—en iu ajn urbo en la mondo vi trovos leterojn senditajn de ĉekaj samideanoj.

La movado baldaŭ estis okupanta serioze milojn da partianoj. Multaj inter ili ekamis Esperanton tiom, ke ili ne hezitis dediĉi al ĝia propagando kaj defendo sian liberan tempon kaj eĉ monon. Estas inter la Ĉekoj neniu, kiu ne estus leginta pri Esperanto. Kiom da ili ĝin scias, estas malfacile konstati, sed konsiderante la kvanton de lerniloj venditaj, oni prave povas diri, ke vivas en tiu lando laŭprocente la plej granda nombro da homoj parolantaj Esperanton.

La mondmilito paralizis la movadon, sed ne mortigis ĝin. Nacio, kiu sciis jam du jarojn post la milito organizi feston tiel grandiozan, kiel tiu de la gimnastoj «Sokol», ĉe kiu partoprenis centmiloj da gastoj, ne bezonos longan tempon por sia plena refortiĝo. Jam nun retrovis multaj fakoj de ĝia vivo sian regulan vojon.

Ankaŭ Esperanto kunigis refoje siajn adeptojn kaj eĉ atingis rimarkindajn sukcesojn: reaperis la gazetoj, kies eldonado estis interrompita, la Ministerioj sendas delegiton al la kongreso en Haag kaj kune kun la ĉefurbo Praha invitas la XIII-an, la ministro de instruado permesas, ke oni malfermu kursojn en la lernejoj kaj fine la ministro de eksterlandaj aferoj subskribas kun aliaj delegitoj de la Ligo de Nacioj en Geneve la konatan dokumenton, per kiu estas postulate, ke la sekretario de la Ligo studu la demandon pri la utileco kaj stato de Esperanto en la mondo.

Jen la fruktoj de laboro dediĉita al la propagando antaŭ la milito! Tio pruvas, ke nia afero estas konata ankaŭ en sferoj, kies favoro signifas multon por sukceso de Esperanto.

Havante antaŭ la okuloj la evolucion de Esperanto inter Ĉekoj antaŭ la jaro 1914 kaj sekvante la nuntempan progresadon de ilia propagando instigata per la proksima kongreso, estas prava la konjekto, ke la kongreso en Praha surprizos la partoprenontojn per neatendita nombro da Esperantistoj ĉekaj, sciantaj bone kaj flue paroli ĉi tiun helpan lingvon, kaj la fremdaj gastoj certe ne forgesos tiun agrablan senton, ke ili vivpasigis unu semajnon en vera Esperantujo!

*E. X.*—Praha.

---

# XIII U. K. E. en Praha (Ĉeĥoslovakujo)

## IV KOMUNIKO

Komitato. Oni dividis propagandan sekcion je du fakoj: por eksterlanda propagando, fakestro S-ro Ŝilha, kaj por la enlanda, S-ro Bouŝka.

Subkongreso. I Kongreso de Liberiga Stelo, internacia asocio de antaŭenemaj Esperantistoj.

Fakaj Kunvenoj. Por sportistoj, aranĝas Universala Sportligo, S-ro Pedrazzini en Locarno, Svisujo; por komercistoj, D-ro Unger, redaktoro de Internacia Komerca Revuo en Zürich; Centra poŝtfako 6104; por spiritualistoj, S-ro Sklenĉka, delegito de U. E. A. en Hradec Kralové, Ĉeĥoslovakujo; por anoj de malgrandaj nacioj, prof. Fridrich en Prostejov, Ĉeĥoslovakujo; por framasonoj, S-ro Faulhaber, Borgerstraat, 103, Amsterdam.

Ĝis nun aliĝis kvindek Esperantistoj.

Samideanoj el landoj kun bona valuto enskribu almenaŭ 100 (unu enskribon) ĉeĥoslovakajn kronojn por la *garantia fondo.* Per kiu ajn banko sendu al la banko «Bohemia» en Praha je la konto de la XIII.ª U. K. de E. sumojn, kiujn pagos al vi la Kongresa monŝanĝejo en ĉeĥoslovakaj kronoj laŭ la kurso de la tago de la monakcepto aŭ en ĉeĥoslovakaj kronoj, pagotaj kun procentoj de la dirita Kongresa monŝanĝejo. Pri la monsendo sciigu ĉiam samtempe la ĝeneralan Sekretarion de L. K. K.

Ne forgesu mondonacojn eĉ se ili estus malgrandaj!

Por la vojaĝaferoj, pri biletoj, transporto de valizoj kaj ĉiaj informoj, zorgas la «Čs. Cestovní a dopravní kancelár». Vojaĝkaj transportoficejo fondita de la ministerioj por komerco kaj fervojoj, Praha, Mikulandská, 7.

Nur pri kongresaj korespondaĵoj kaj oficialaj aliĝoj: S-ro Ang. Pitlik, Komisario ĉe Komercministerio kaj ĝenerala sekretario de L. K. K. Praha, III. Nerudova, 40.

V KOMUNIKO

Teatra Prezentado. Oni ludos esperantlingven tradukitan klasikan ĉeĥan komedion «Nokto en Karlŝtein» de Jaroslav Vrchlicky, ĉefa ĉeĥa poeto kaj verkisto.

Fakaj Kunvenoj. Por sciencistoj, organizas D-ro Kamaryt, Telocvičná, 3, Bratislava.

Kotizaĵo. 25 frankoj, oro (antaŭmilita valoro), 5 doloroj, 12 nederlandaj guldenoj; 20 ŝilingoj, skandinavaj kronoj, germanaj markoj; 25 frankoj, liroj, dinaroj, drakmoj, pesetoj, ĉeĥoslovakaj kronoj, k. c. Pluaj samfamilianoj pagas nur 60 %₀ de la kotizaĵo. Post la 1 de junio 1921 altiĝos la kotizaĵoj je 50 %.

Ĉiu pagas en siaŝtata valuto. La sumon sendu pere de kiu ajn banko al la banko «Bohemia» en *Praha* je la konto de la XIII.ª Universala Kongreso de Esperanto kaj samtempe sciigu la ĝeneralan sekretarion.

Jam estas 101 aliĝintoj. La ĉeĥoslovaka komercministerio donacis 10.000 Kč. Malpli grandaj donacoj estis ricevitaj. Donacu iom da mono por sukcesigi la XIIIan!

# Dua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj

(DUDKEILO)

**Por fondi Iberian Esperantistan Konfederacion, iniciatonta internacian konvencion, oficialigonta Esperanton en la komercaj kaj sociaj rilatoj sciencaj, kongresoj, universalaj kunvenoj k. t. p. - (Saragoso 26-28 Majo 1921.)**

Samideanoj: Certe vi konas la admirindan laboron, efektivigita de la «Unua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj, (Udkeilo), okazinta en Barcelono de la 25-a ĝis la 30-a de Junio lasta. Ĝia resonanta sukceso prezentas pluan pruvon de la fortika antaŭenpuŝo, kiun, post la milito, ricevis la Esperantista Idealo en la mondo.

De tiu Unua Diskutkunveno ricevis Saragoso la honoron okazigi la Duan, t. e. DUDKEILON, kaj ni, la ne malpli honoran komision ĝin organizi.

Kaj la Aragona Esperantista Federacio, kiu akceptis kun dankemo tiun komision, petas la kunlaboron de ĉiuj esperantistoj de nia preskaŭinsulo kaj de aliaj personoj, kiuj havas simpation por tiel granda idealo, kaj pretigas sin por ilin akcepti siatempe kun nobla kaj fervora entuziasmo.

Konata estas la trajektorio, kiun ni altrudis al ni, fortigi la Regionajn Esperantistajn Federaciojn, starigi la Iberian Esperantistan Konfederacion, kaj iniciati Internacian Kon-

vencion, grandega entrepreno, kiu havas, kiel plej altan celon, la entronigon de la interna ideo deEsperanto, por la bono de la homaro.

Sed tiu grandegeco, kiu, komence, povis timigi niajn katalunajn samideanojn, kuraĝaj iniciatintoj kaj antaŭenpuŝantoj de la entrepreno, ne povas malkuraĝigi nin, kiuj vidis, kun la sukceso de la Unua, ke «volo estas povo».

Pro ĉio tio ĉi ni permesas al ni peti vian aliĝon, kaj tiun de korporacioj, societoj, amikoj viaj, kaj ceteraj, kiuj havas simpation al nia nobla ideo kaj celo, kiun ĝi entenas, ĉar ni bone komprenas, ke la sukceso de nia laboro, dependas, unualoke, de la entuziasma kunlaboro kaj efika apogo, kiujn oni dediĉos al ni.

Atendante vian favoron respondon, kaj esperante, ke vin aliĝos tuj ni salutas vin kun respekto.

*Emilo Gaston Ugarte*, Advokato, Fondinto kaj Prezidanto de la Societo de Esperanto «Frateco» de Saragoso.—*Emanuelo Maynar Barnolas*, Advokato, Delegito en Saragoso de la «Universala Esperanto Asocio» (U. E. A.). Saragoso - Januaro - 1921.

---

## Komitato de la "Aragona Esperantista Federacio„ agante kiel organizanto de la Dua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj.

HONORA KOMITATANO: S-ro. Rómulo S. Rocamora, Prezidanto de la «Unua Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj.»

LABORA KOMITATO:

Prezidanto: S-ro. *Emanuelo Maynar Barnolas.*
Sekretario: S-ro. *Emilo Gastón Ugarte.*
Kasisto: S-ro. *Emanuelo Delpón.*
Vicsekretario: S-ro. *Davido Maynar.*

S-ro *Eusebio Senra*, Leŭtenanto-Kolonelo kaj eksprezidanto de «Frateco».
S-ro *Vicento Loren Cerced*, Pastro, Eksprezidanto de «Frateco».
S-ino. *Mario Luz Modrego*, Voĉdonantino de «Frateco».
S-ro. *Roberto Maraury*, Kuracisto, farmaciisto, doganestro. - Huesca.
S-ro. *Julio Mangada Rosenorn*, Komandanto kaj Direktoro de HISPANA ESPERANTISTO. - Jaca.
S-ro. *Julio Belenguer*, Delegito de U. E. A.—Teruel.
S-ro. *Antonio Martín Ruiz*, Doktoro je Medicino. - Ejea de los Caballeros.
S-ro. *Eskolástico Alcade*.—Villarroya de la Sierra.
S ro. *Emanuelo Sánchez*, Pastro, Paroĥestro de Almonacid de la Sierra.

### KOMPLEMENTAJ DETALOJ

FAKOJ POR ENSKRIBIĜI:

*a*) Esperantistoj de Iberiaj Landoj.

*b*) Aliĝintoj kaj Protektantoj, Alvokatoj, Inĝenieroj, Kuracistoj, Arĥitektoj kaj ĉiuj personoj, kiuj, ne konante la lingvon Esperanto, volas doni detalojn sciigojn, fari parola-

dojn, prezenti projektojn, k. t. p. pri la alpreno de Esperanto, kiel kelpa lingvo en la sciencaj, juraj, komercaj, k. aliaj kongresoj, havantaj universalan karakteron. (La diskutadoj kaj temoj estos en Kastila aŭ Portugala lingvo).

LOKOJ.—Estos siatempe difinitaj, ĝuante je prefero la Korporaciojn kulturajn.

KARAKTERO DE LA KUNVENO.—Pure diskutanta pri la temoj antaŭe prezentitaj kaj aprobitaj.

KOSTO DE LA KARTO DE KUNVENANO:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *a*) | Esperantistoj apartenantaj al Esperantistaj Societoj au Grupoj.... | | 2,50 ptoj.- | 1 sm. |
| *b*) | Esperantistoj ne apartenantaj al ili.............................. | | 5,00 » | 2 » |
| *c*) | Protektantoj (minimuma pago)...................................... | | 2,50 » | 1 » |
| *d*) | Esperantistaj Grupoj au Societoj.................................. | | 5,00 » | 2 » |
| *e*) | Korporacioj, Societoj, Urbestraroj, Korporaciaj Membroj (minimuma pago)...................................... | 10,00 | 10,00 » | 4 » |

La aliĝoj kaj aliĝiloj estu adresataj al S-ro Davido Maynar, str. Cerdán, 19, pral., Zaragoza (Saragoso), Vicsekretario de la Aragona Esperantista Federacio, tiel baldaŭ kiel eble, por la ordigo de la taskoj, sendado de la novaj cirkuleroj, programoj, k. t. p. Per tiuj ĉi dokumentoj kaj per la jurnalaro oni sciigos pri la organizataj solenoj, ekskursoj, vizitoj, k. t. p.

Sufiĉe bone antaŭeniras laborojn. La zaragozanoj, helpataj aktive kaj vigle de la organizintoj Udkeilon, vidigas al la Ibera Esperantistaro gravegan sukceson, pli gravan, ol povas konjekti. Estas dezirinde, ke Esperantistoj, Grupoj, Federacioj, ĉiuj, aliĝu (kaj aligu aliulojn) kiel eble plej baldaŭ por eviti amaso da enskriboj laste, kiuj devigos al granda laboro. Petu aliĝilojn tuj.

## PRI LA MONAĤEJO

# "San Juan de la Peña,,

(*Daŭrigo*)

II

Ĝia humila fasado ne harmoniiĝas kun la majesteco de la loko, nek kun la grandeco de l' rememoroj kaj monumentoj, kiujn la Monaĥejo enfermas. Sub la vasta kavaĵo ĝia ligna tegmento ne suferis la pluvon, kaj nur la batojn de la ŝtonoj falintaj de la roka arkaĵo.

La sonorilejo ruinigita de la fajro aperas ĉe la eniro, kaj preterirante ĉi tiun, flanken, estas eniro al salono de l' konsiliĝo, tiel nomata ĉar oni supozas, ke en ĝi kaj dum regado de *Ramiro I.*ᵃ, antaŭ li kaj tri Episkopoj, efektiviĝis la konsiliĝo decidanta, ke nur monaĥo de *San Juan* estus povonta okupi la episkopan seĝon de Aragono. En la vestiblo kuŝas eterne la humilaj kaj heroaj militistoj fondintaj la Aragonan regnon kaj genobeluloj de postaj tempoj, tombejo najbara je tiu de la reĝoj, ĉar nur muro apartigas ilin. Du vicojn da tomboj, unu sur alian, oni starigis: bizantinaj ornamaĵoj duoncirklaj subtenataj de malgrandetaj skulptitaj figuroj karakterizas la tombojn, kiuj montras skulptitajn ĉu religian signon, nutima en tiu epoko kaj en Aragono, ĉu la blazonŝildon de tiuj, kiuj tie dormas eterne, ĉu simplan peton.

La 4.an de Decembro de 1094, la reĝo *Petro I.*ᵃ, ĉeestis ceremonion per kiu la Episkopo de *Bordeaux*, nomata *Amato*, helpata de

la Episkopoj *Petro de Jaca* kaj *Godofredo de Magalona*, kaj de la abatoj de *San Ponce de Tomeras, San Salvador de Neyre* kaj de *San Juan* mem, sanktigis la preĝejon. Ankaŭ ĉeestis la ceremonion onklino de la reĝo, *Doña Sancha*. Kvankam la preĝejo grandparte estis renovigata, ankoraŭ mirigas la vizitanton la tri bizantinaj arkoj de la presbiterejo, subtenataj de kolonoj kun skulptitaj kapiteloj. La roko de la groto estas plafono preskaŭ por la tuta sola navo de la preĝejo. Sub ĉi tiu preĝejo estas alia, kvazaŭ kripto, konsistanta el du navoj kun malaltaj arkoj kaj kolonegoj, kiun oni starigis dum la tempo de la unuaj ermitoj kaj kiun oni konsideras goaa. La planko estas pavimata per platŝtonoj montrantaj tombojn de abatoj, kaj oni diras, ke estis vestiblo malalta al ĉi tiu kripto, ankaŭ pavimita per tre antikvaj tombaj platŝtonoj.

Maldekstren, ĉe la ĉefa preĝejo, estas pordo al la antikva sakristio, kiu poste dum kvin jarcentoj fariĝis tombejo de la reĝoj de Aragono. Preskaŭ ĉiujn oni kondukis tien de la batalkampo. Bedaŭrinde estas, ke *Karolo III.ª* estis ordononta aliformigi la antikvan reĝan tombejon, ĉar tiel li detruis la ĉarmon ĝian pro ĝia antikveco. Aperas dudeksep tomboj en tri vicoj, unu sur alian, kun bronzaj plakoj; sed marmoroj, bronzo, reliefoj kaj skulptaĵoj, kvankam rimarkindaj, ne nuligas malplaĉon pro la reformo. Fermante la okulojn por ne vidi la malplaĉajon, malantaŭenirante kun la penso en la gloregan historion de Aragono, ŝajnas, ke en la ĉambrego kunvenas heroaj reĝoj maljuniĝintaj en batalkampoj, kun reĝidoj kies laŭrojn trancis la spado antaŭtempe, kun reĝinoj kuraĝaj, naskiĝintaj en la montaro aŭ alvenintaj de trans la Pireneo, fidelaj kunulinoj de la edzoj kaj ĉi tiujn akompanantaj same en la konsiliĝoj kiel en la kamparfestoj, same en la edziĝlito kiel en la tombo. Tie ŝajnas stari *Garci-Jiménez, Iñigo Arista* kaj *Ramiro I.º*, ne diskutante ĉu unu aŭ alia estis fondinta la Monarĥion, sed kunfandante je unu sola gloro la tri siajn glorojn per la brilo de la kronoj de *Pamplona, Sobrarbe* kaj *Aragón*.

Tra antikva pordo de la preĝejo, sur kies eksteraĵo estis gravurita:

«Porta per hanc coeli fit pervia cuique fideli
si studeat fidei jungere jussa Dei»,

oni eliras al galerioj de l' korto, ankaŭ tombejo. Mirigas rimarki la ŝtonego altegenirrante oblikve de galerio supren la kontraŭan kvazaŭ impona plafono. Bizantinaj arkkoj subtenataj ĉu de simpla kolono, ĉu de grupoj el du, tri kaj eĉ kvar kolonoj, kun dikaj kapiteloj skulptitaj mirinde kaj reprezentantaj ĉu scenojn de l' Antikva kaj Nova Testamento, ĉu birdojn, kordonojn kaj foliarojn laŭ harmonia amaso. Bedaŭrinde el kvar kolonaroj nur staras du. Ambaŭflanken de la pordo, laŭlongen de la muro, kaj sur la ŝtonoj de l' arkoj aperas epitafoj koncernantaj pastrojn kaj altrangajn monaĥojn.

Kontraŭ la eniro al la galerioj staras portalo de la kapelo de *San Voto*, sed ne estas rimarkinda, kaj oni starigis ĝin je la komenco de la XVII.ª jarcento; kaj maldekstren, en angulon, ĉe la piedo mem de la ŝtonego estas alia kapelo, tiu de *San Victorian*, kies portalo prezentas la tre kelegan stilon gotan de la XV.ª jarcento, kaj tiel delikataj estas la skultptitaĵoj kaj ĉizitaĵoj, kaj tiel belaj kaj elegantaj, ke ĉi tiu gota verko estas la plej bela kaj perfekta el ĉinj gotaj de *Aragono*. Interne la belaĵoj estas tiel rimarkindaj kiel tiuj de la portalo, super ĉio, vasta niĉo por tombo.

Nepre estas konfesi, ke la pejzaĝo malpligraudigas la impresojn de l' arto kaj de gloraj rememoroj. La plej impona bizantina arkaĵo estus simplaĵo rilate la mirigantan kurbecon de la ŝajne fluganta ŝtonego; la beleco de la plej rimarkinda gota kolono estus neniigata de tiu de l' pinoj kaj abioj majeste altenirantaj kvazaŭ altaj subteniloj de katedral-muroj, aŭ kliniĝantaj unu sur alian formante graciajn kaj belegajn arkojn. Superega ĝuado, superega ĝojo, sufokas tie la emon al studo; la sentaĵoj de l' momento malaperigas rememorojn; la impona beleco

de la Naturo en tiu hispana angulèto devigas ĝin konsideri loko por inspiri grandajn entreprenojn aŭ grandajn mistikajojn, deirloko por grandaj heroajoj aŭ por sin dediĉi al Dio. Certe pro tio, *San Juan de la Peña* inspiris *Parsifal'n* al senmorta Wagner.

FINO

*Julio Mangada Rosenörn*

# La Loreta Virgulino

Ĥoroj anĝelaj, vi nun surgenuu,
dum aŭskultadis mian belan kanton,
suno, brilegu; maro, jam ne bruu,
ĉar mi parolos revan Esperanton.

Vidu fideme tra hela l' aero
gloran miraklon de la Plejaltulo,
kiun rigardas luno kaj la tero,
kore ĝin kredu vi, ho fidelulo.

Dinaskintino loĝis en dometo,
kiun forportis la Ĉiopovanto,
kaj translokigis; ĝi sur monteto
restas atesto por ĉiu kredanto.

Vi estas certa, aeresploranto
de l' protektado de la Virgulino,
tial la Papo, la Dia reganto,
ŝin al vi nomis via Patronino.

Vi de l' ĉielo estas la loĝantoj,
ŝi, luma stelo, estas gvidantino,
ŝin rigardadu aerveturantoj,
ĉar ŝia nomo estas *Helpantino.*

Kian trairos vi dum la somero
ĝemon sovaĝan de la uragano,
vian gvidadon tra la tuta tero
ĉiam direktos Virgulina mano.

De la aero vi estas la reĝoj,
l' aerportantoj de ĉiu sekreto,
la defendantoj de la ordaj leĝoj,
de l' libereco la trafa vojeto.

Ventoj fajfegu, bruadu l' arbaro,
fulmoj brilegu, tondru sur ĉielo,
nuboj pluvegu, ĝemegu la maro,
timas nenion via glora celo.

Pacaj senditoj, ĉiam penegadu
esti patruja Dia gardanĝelo,
se ekpereus, alten rigardadu,
vian trairon montros Virga stelo.

De l' Registaro estas vi l' arĥivo,
de l' korpremitoj paco, kaj konsolo,
de la dronantoj helpo, savo, vivo,
por Patrinlando restu Dia volo.

Famaj gigantoj de nia centjaro
oni vin nomos, la kuraĝeguloj,
homaj aglegoj; l' aviadistaro
nin ĉiuj ŝirmos kiel potenculoj.

Ĉiopovanta estas Dipatrino,
rava, gloroga, ĉe nia koreto,
kuraĝiganta ĉiujn ĝis la fino,
la Virgulino Sankta de Loreto.

*Pastro Mariano Mojado*

# Al la Ibero-Amerikanaj Esperantistoj

Fratoj! Nun, en momentoj de konstanta dubo, kiun travivas la Homaro, kiam eĉ la Ligo de Nacioj montriĝas *milo* apenaŭ oni komencis ĝiajn laborojn, kaj devigas Pueyrredon, nia frato, protesti, ĉar oni vidas klare, ke tia Ligo celas regadon de la plej fortaj popoloj sur la malfortajn, protesto inda je nobla koro de samrasano nia; ĉiuj, dungitoj de la Esperantismo, la solaj kiuj posedas la rimedon kontraŭ ĉiaj malbonoj naskitaj de malamo inter popoloj, ĉar, per la elpensitajo de Zamenhof kaj per la *Interna Ideo,* kiun LI sciis enradikigi en sian

majstran verkon, ni renversis por ĉiam la tradiciajn barojn eternigantajn apartiĝon inter popoloj, kaj eĉ la apartiĝon, kiu ekzistis inter individuoj de sama gento, starigint<sup></sup>e fakte la veran Fratecon ĉe ni; ĉiuj, ni, devas kuniĝi je nedetruebla fasko el *sola memvolo* forta por efektivigi plene inter popoloj tiun Fratecon.

Mi, naskiĝinte sub la Suno de la libera Ameriko, sentante korprofunde nostalgion je la malproksima lando en kiu mi naskiĝis; sed sentante min fiera ĉe la pireneaj abruptaĵoj de la malnova, nobla, granda kaj ĉiam glora Hispanujo, ĉiam mi antaŭsentis, ke, tagon, ĉi tiu malnova lando, sangoplena kvankam ŝajnu male, kun la Nacioj, kiujn ĝi naskis, formos centraĵon, kiu estos bazo por starigi firme veran kaj efikan *Ligon de Popoloj*. Kaj tial ke ni, Esperantistoj, estas la plej kapablaj por akceli ĝian alvenon, kaj tial ke en la senmorta Zaragozo okazos, de la 26.ª ĝis la 29.ª de la proksima Majo, la «Dua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberaj Landoj»; mi min turnas al ĉiuj Esperantistoj de ĉiuj Ibero-Amerikanaj Nacioj, por ke la Esp. Societoj Nacioj, kaj la Esperantistoj mem, aliĝu al «Dudkeilo», kaj nomu Delegitojn, kaj ni donu tiel la unuan paŝon por starigi Ibero-Amerikanan Esp. Konfederacion. Alkuru al «Dudkeilo» kaj samtempe vi honoros la *Sanktan Urbon* en kiu ripozas la du plej grandaj numtempaj civitanoj de la raso: JOAQUIN COSTA kaj MARIANO DE CAVIA!

*Julio Mangada Rosenörn*

Jaca - Januaro - 1921.

---

# Hispanujo kaj la Geografia Scienco

Iam iu diris, ke la *Pirinea Montaro estas limo de Afriko*, volinte esprimi per tiu frazo la malaltan gradon de civilizacio de Hispanujo, sed la dirinto sin motris per la diro vera ignoranto spite sia famo: li ignoris pri la civilizacio de Hispanujo dum romana regado, pri la altgrada civilizacio de la hispanaj hebreoj, pri la civilizacio de la hispanaj araboj, pri Raimundo Lulio kaj ceteraj sciuloj de nia mezepoko, pri la artoj kaj literaturo hispanaj de la plej antikva tempo ĝis hodiaŭ, pri la granda libereco ekzistanta en Hispanujo kiam regis Eŭropon barbara Feŭdalismo, ĉar absolutaj monarĥioj stariĝis sur ruinojn de la feŭdalismo escepte en Hispanujo tial ke hispana absoluta monarĥio estis starigata per mortigo de hispanaj antikvaj regionaj liberecoj; li ignoris, ke la plej granda romana inperiestro kaj la unua devenanta de kolonio, estis hispano, ke nomo de reĝo, Alfonso la Sciulo, estas sintezo de epoko dum kiu floris hispanaj sciuloj, kaj dum kiu la hispana kulturo estis rimarkinda; ke Eŭropo ŝuldas al la dirita reĝo disvastiĝon pri la kulturo amasigita de la Orientuloj, ke li estis la unua, kiu elmontris dubon pri vereco de la astronomia sistemo de Ptolomeo.

Malgraŭ tiu dubo, ankoraŭ aristotelismo regadis skolojn; sed ĉiutage pli kaj pli kreskadis nombro da eminentaj kontraŭuloj kiel Aben Gabirol, Yehuda Han Levi, Aben Bahya, Domingo Sundisalvo kaj Raimundo Lulio.

La opinioj de la xv.ª jarcento trovis favoran kampon en Hispanujo, kaj je la tagiĝo de la Renesanco aperis Ferdinando de Córdoba montrante ardan platonismon kaj verkante pri supereco de Platon rilate Aristóteles; ankaŭ aperis León Hebreo, kiu faris plenan adaptiĝon de la platona estetiko per siaj «Dialogoj de la Amo».

La doktrino de Platón kaj de liaj disciploj parolis je la komenco pri principo de la rondiranta movo, pri ebla movado de la tero, pri dubo klariganta ne okupi la tero centron de la mondo, pri ekzistado de ĝeneralaj, belegaj kaj nekontraŭstareblaj leĝoj regantaj fenomenojn de la Universo; kaj tial ke hispanaj pensuloj trovis kontraŭstarojn inter konkludoj deduktitaj per siaj sciencaj elmontradoj kaj la aristotelaj doktrinoj, ili sin turnis en Platón kaj Pitágoras por serĉi

jesigojn kaj kalkulojn pli konformajn je la ĉielaj movoj.

Unu el la unuaj laborantoj pri ĉi tio lasta, estis la fama, Francisco Villalobos, kuracisto de Ferdinando la Katolika, de Karolo V.ª kaj de Filipo II.ª, kaj li, per sia «Libro de la Problemoj», konstatis erarojn de la Ptolomea sistemo. Malmulte da tempo poste, Andrés de San Martín, kosmografiisto kaj naviginto, determinante longitudojn, trovis grandajn erarojn, kiuj konvinkis lin pri nevereco de la Ptolomea sistemo.

Tre interesaj estas la studoj pri la kometoj de Juan de Jarava, Alonso Pérez Fox Morcillo, Pedro de Guevara, Juan Molina de la Fuente kaj Jerónimo Muñoz; gravaj altgrade estas studoj de Gómez Pereyra (antaŭulo de Descartes), Francisco Sánchez, Pedro de Velasco, Miguel Servet (la fama kuracisto, ĥirurgiisto kaj sciulo, eltrovinto de la sangfluado, kiu ankaŭ faris tiam la traĥeotomion) kaj Luis Vives, pri kontraŭstaroj al doktrinoj de Aristóteles. Pedro de Espinosa, Juan Rojas Sarmiento (filo de la unua marzizo de Poza), Juan de Luna (hispana judo), monaĥo Tomás de Durán, Pedro Sánchez Ciruelo, Pedro Juan Oliver, Pedro Silíceo, Pedro Esquivel, Francisco Sánchez, Pedro Chacón, Pedro Núñez, pastro Acosta kaj fratoj Rosete, estis grandaj matematikistoj, fizikistoj, kosmografiistoj kaj geodeziistoj, kiuj, per siaj agoj kaj verkoj rimarkindaj, pruvas la staton de la hispana kulturo je la momento aperi doktrinoj de Copérnico, kaj la kapablecon por juĝi la novajn doktrinojn astronomiajn disvolvigitajn de la fama kanoniko de Franenberg.

Ĉi tiuj doktrinoj trovis en Hispanujo la unuajn defendintojn; de Hispanujo ricevis Galileo vortojn plenajn je kuraĝigo kaj je espero.

Monaĥo Martín de Roda, Andrés García de Céspedes, Vasco de Piña kaj Suárez de Argüelles, utiligis, studadis kaj komentariis tabelojn de Copérnico. Juan de Herrera, unua direktoro de la Scienca Akademio, kiun fondis en Madrido Filipo II, petis al Florencia la libron de Copérnico, kaj du jarojn poste, monaĥo Diego de Zúñiga akceptis doktrinon de la libron, kaj ĉi tiu monaĥo mem, per verko sia, presita en Toledo je 1584 diras, ke «Copérnico klarigas laŭ sama maniero iradon de la kometoj; kaj sendube pli bone, ol Ptolomeo per la «Sintakso», li konigas la pozicion, kiun okupas la planedoj.» Tridekunu jarojn antaŭ ol aperi en Italujo la unua verko favora je la kopernika teorio, hispana sciulo konstatis esti la sistemo de Copérnico pli bona, ol tiu de Ptolomeo por klarigi la konstitucion de la Universo, kaj dek jarojn poste aperis ĉe la statutoj de la Universitato de Salamanca la ordono «Deviga teksto Nicolás Copérnico».

Hispanujo, do, estis la sola nacio, kiu, antaŭ je la fino de la XVI jarcento, adoptis per ordono de la Universitatoj kopernikan doktrinon.

---

## CHINA [1]

*China* estis bela la katino,
kiu ĉiam familion ravis;
kaj por kiu ni karesojn havis,
ĝis momento rabi ĝin Destino.



De l' katino perdis ni la ĉarmojn;
kaj, pro ĝia morto, la doloro
ĵus alvenis al la nia koro:
ĝi fluigis eĉ abundajn larmojn!



Tiel bela estis felo ĝia,
kiel tiu de la leopardo;
kaj nek ĝiaj ungoj, pro hazardo,
estis akraj por la haŭto nia.



---

(1) Elparolu *Ĉina*.

Kiam ni ha! diris adiaŭon,
aŭ al la orelo ĝia: «*China!*»
tre mallaŭte, bleko la katina
donis nin respondan la miaŭon.



Ho, ve! Nia la katino kara!
Nia milda kaj amata besto!...
Ĉiam por ni ĝia la foresto
estos rememoro tre amara!

*J. M. R.*

# ESPERANTA MOVADO

ENLANDA

**Jerez.**—Sukcesplene la Grupo solenigis la 2.an datrevenon de sia fondiĝo. Sendis leterojn, kiujn oni legis, S-ro F. Redondo, V. O. de Allende, F. Serrano Olmo. S-ro S. Aguilera legis belegan rakonton de S-ro P. Llano, kaj verkon pri Naturismo kaj Esperantismo de S-ro E. Lunate, ambaŭ el Baracaldo. S-ro Guerrero legis originalon sian pri Esp.; S-ro P. Naranjo, versaĵeton de J. Mangada; Agustín Durán, skribaĵon pri Lingvo Internacia, de Emilio Artigas el Zaragozo, kaj José Rivera pri la ekspozicio. P. Naranjo parolis pri facileco de Esperanto kaj neceso instrui virinojn. L. Izmer legis verkon tre bonan pri landoj reprezentitaj en la ekspozicio, kaj faris la resumon la prezidanto, S-ro Valle, aldonante gravajn parolojn por daŭrigi la propagandon, por disvastigi Esperanton kaj kulturon kaj promesis okazigi festojn samajn. Poste oni malfermis la ekspozicion kiu kalkulis 1500 I. P. K., milon da leterojn, multajn monerojn, bankbiletojn, multenombrajn diversajn gazetojn, k. c. Oni fermis ĝin je la 2.a de Januaro.

Oni elektis la jenan komitaton:

Prezidanto, Petro Naranjo; Sekret., José Rivera; Kas., Manuel Pastoriza; Kalk., Antonio Lazo; Bibl., Agustín Durán; Voĉd., Antonio Valle kaj Nicolas Martínez.



**Palma de Mallorca.**—La Grupo elektis la jenan komitaton: S-rojn Gabriel Alomar, Prezidanto; Juan Mascaro, Vicprez.; Juan Barcelo, Sekret.; Montserrat Vich, Vicsek.; Francisco Barcelo, kasisto; Antonio Ramís, Bibliot.; Juan Aguiló, Bernardo Rabassa kaj Juan Urgelles, Voĉdonantoj.



EKSTERLANDA

**Kubo.**—La kubanaj Esp. vigle revekiĝas kaj celas plenan reorganizon de Grupoj; ili aktive propagandas kaj tuj oni malfermos kurson en la gravega societo Centro de Dependientes.



Por pruvi, ke Esperanto iras antaŭen, nur sufiĉas scii, ke ĉe la Ligo de Nacioj, senatano Lafontaine kaj dek registaraj delegitaroj prezentis rezolucion jenan:

«La Ligo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas rektajn rilatojn inter la popoloj, kaj la urĝan neceson forigi tiun baron por helpi al bona kompreniĝado inter nacioj: sekvas kun intereso la provojn je oficiala instruado de la internacia lingvo Espeıanto en la publikaj lernejoj de kelkaj regnoj, anoj de la Ligo de Nacioj; esperas, ke tiu instruado ĝeneraliĝos en la tuta mondo, por ke la ĉiulandaj geknaboj sciu de nun almenaŭ du lingvojn, sian gepatran kaj facilan rimedon por internacia komunikado; petas la ĝeneralan Sekretarion, prepari, por la venonta kunsido, detalan raporton pri la rezultatoj en tiu fako.» Lord Robert Cecil (Sudafrika), Octavio (Brala), Lafontaine (Belga), Wellington Koo (Ĉina), Hunecus (Ĉilia), Restrepo (Kolombia), L. M. princo de Nawanagar (Hinda), Doret

(Haitia), Schanzer (Itala), L. M. Emiro Zoka ed Dowleh (Persa), Beneŝ Ĉekoslovaka).

Kaj citante ĉi tiun proponon la ĉeestinta korespondanto de la angla gazeto «Manchester Guardian», sur ĉi tiu, la 26.an de Novembro, aldonas: «Mi antaŭdiras, ke post ne pli ol du jaroj la Ligo estos devigata, tre grave konsideri Esperanton, kiel solan praktikan alternativon al *turo-de-Babel-politiko*.



En Bulgarujo, la Kongreso de Bulgaraj Abstinencaj societoj por Junuloj rekomendis Esperanton. Poste, je la 3.a de Dec., la bulgara ministro por la publika instruado akceptis deputitaron de B. E. S., kiu petis al li monhelpon por la societa organo kaj ke li ordonu al lernejestroj disponigi klarigejojn por Esperanto, kaj ankaŭ ke li rekomendu favoron por la Esp. movado k. c. La Ministro, la 20.an de Dec. decidis la jenan cirkuleron: «Dezirante, ne nur ne malhelpi sed eĉ servi kiom eble al la afero de la Esperantistoj, la estrata de mi Ministrejo donas al S-roj Direktoroj la rajton fari—ĉu sedkondiĉe, ĉu laŭeble kun plej malgrandaj laŭ la tempo kaj loko kondiĉoj—la necesan akcepton al la societo en la lernejoj, kaj al la lernantoj permeson vizitadi, se ili deziras, la Esp. kursojn, kiuj ankaŭ povas nur utilon alporti al ili, sed ne malutilon. Ministro: *St. Omarchevski.* Ĉefsekretario: *D-ro St. Donev*. Fakestro: *D-ro F. Manolov.*



De la Ŝtata Ministerio de Braunschweig (Germanujo), fako Popola Klerigado, sin turnis la Instru-Ministro, la 20an de Okt. lasta, al la Landaj Lernejaj Oficejoj por la pli altaj kaj la Popol-Lernejoj, per cirkulero instiganta «moralan klerigadon laŭ spirito de interpopola paciĝo», kaj rimarkigas bone, ke por tio «estas grava rimedo akcelado de Esperanto, facile lernebla mondhelplingvo, kiu povas krei la fundon por senpera interŝanĝado de pensoj inter la popoloj.» La ministro atendas ĝis 31 de Decembro «konstatigon pri kiuj instruistoj kaj lernantoj jam okupiĝis pri Esperanto kaj kiuj institucioj estas disponataj por la lernado de Esperanto, precipe kiuj instruistoj povas kaj emas instrui Esperanton kaj kiuj lernantoj emus lerni ĝin». Kaj la ministro ankaŭ atendas «taŭgajn proponojn» por akceli la instruadon kaj promesas honorariojn per la instruistoj kaj pagi koston de instruiloj.



En la germana grandurbo Breslaŭ, ĉefurbo de Silezio kun 527.000 loĝantoj kaj 200 lernejoj, la lerneja konsilantaro decidis, la 3.an de Novembro lasta, enkondukon de Esperanto en la lernejoj. Por viviglo kaj stimulo, sendu esperantaĵojn al instruisto Seb. Braschke (str. Garvestr, 12), kiu gvidas la aferon.



En Germanujo la instruistoj de Hessen, Dresden, Braunschweig, k. c., k. c., per Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj entreprenis kiel eble plej detalan statistikon pri instruado de Esperanto ĝis nun, pri ĝia progreso, pri ĝia sukceso, kaj pri lernejoj en ktuj oni ĝin instruis kaj nombro da instruitaj infanoj, knaboj, k. c., por akceli oficialigi la instruadon. Okdek germanaj gazetoj aperigas novajojn pri progreso de Esperanto.



En lernejoj de Wien (Aŭstrujo) oni klarigas Esperanton, sed pli grava afero estas, ke la Katolika Unuiĝo E-ista en Wien, malfermis kurson por pli da 70 geinstruistoj, profesoroj kaj geoficistoj ĉe la Teknika Altlernejo. Aliaj kursoj aranĝotaj.



S-ro Franz Schoofs en lernejo de Antverpeno (Belgujo) malfermis kurson, kaj pruvo pri forta renaskiĝo de Esperanto estos reapero de «Belga Esperantisto».



«Gand-Université», organo de la «Association Générale neutre des Etudiants» (Ĝenerala neŭtra Asocio de la Studentoj), dezirus malfermi, per Esperanto, Internacian Rubrikon. Almenaŭ unu studento en ĉiu Universitato devos sendi regule ĉiumonate raporton pri studenta vivo (societoj, festoj, kutimoj, ekskursoj, vizitoj, okazintaĵoj k. t. p. Studentoj kaj Naciaj Student-Asocioj devos sin turni al Hendrie xv. (Studento) strato du Saumon, 33. Gand (Belgujo).



«Teozofia Esperanta Ligo» ĵus estas restarigita same, kiel «Vegetara Ligo Esperantista». Teozofiistoj sin turnu al S-ro. S. Frantz (21, Alain Chartier. Paris, xv.—Fracujo), kaj la Vegetaranoj al Maria van Rees (Laren NH, Nederlando. Eoolsche weg 390).



De la 1.ª ĝis la 3.ª de Oktobro lasta okazis en Tokio la Sepa Kongreso de Japanaj Esperantistoj. En la unua kunveno, oni oficialigis la estraron de Japana Esp. Instituto, kaj S-ro E. Asai vidiĝis la sukceson de J. E. I. En labora kunsido unuanime oni malaprobis *i* por nomo de nacioj. La entuziasmo de la Kongresanoj montriĝis per granda nombro da gravaj proponoj kiujn akceptis la kongresanoj. Ĉio ĉi tio okazis la unua tago.

Dum la dua, okazis publika kunveno kun propagandaj paroladoj en «Meiĝi Kaikan», Kanda antaŭ pli da 600 personoj kun granda sukceso, kaj S-ro Ga interpretis lekcion de ambasadoro D-ro Ramstedt pri «Lando de Mil Lagoj», kiun la publico aŭskultis kun granda intereso. Vespere okazis komuna vespermanĝo.

La tria tago estis por ekskurso al marborda urbeto Kamakura kaj la ekskursantoj plinombriĝis ĉe :inagaŭa kaj Jokohama. Pro plenplena vagonaro estis deviga halto de la ekskursantoj, kiuj profitis la tempon por propagando sur la peronoj sub la verda standardo. La Kongreso gravesukcesis.

En Tokjo la Esp. studentoj iris de studenta loĝejo al studenta loĝejo propagandante Esp., kun granda sukceso, tial ke ili varbis 120 novajn kamaradojn kaj malfermis kvar novajn kursojn.



La Itala Esperantista Federacio dum Kvina Kongreso de Italaj Esperantistoj, okazinta en Bologna la 3, 4, 5, de la lastepasinta Oktobro, decidis efektivigi dum Septembro de 1921

INTERNACIAN TURISTAN KUNVENON EN ITALUJO

La I. E. F. organizos la Kunvenon, kaj por la organizado kaj efektivigo, nur oni uzos ESPERANTON; tial turistoj partoprenontaj la Kunvenon estos devigataj koni Esperanton. I. E. F. penados havigi rabatojn de la italaj fervojoj kaj marveturadservoj. La partoprenontoj devos sendi nepre de tiu dato ĝis Aprils de 1921 po du fotografaĵojn kaj sciigi sian aĝon, profesion kaj precizan adreson por ricevi senpage membrokarton, al I. E. F. (Via Spiga, 29. Milano); ankaŭ la partoprenontoj devas sciigi urbojn vizitotajn: Torino, Milano, Genova, Trento, Verona, Venezia, Trieste, Padova, Bologna, Firenze, Pisa, Terni, Roma, Napoli kaj Palermo havas Esp. Grupojn, kaj multaj aliaj gravaj urboj baldaŭ havos organizitajn Esperantistojn.

Vojaĝplanojn, programon, karavanojn, k. c. tuj ekaranĝos I. E. F. kaj komunikos dum Majo de 1921 detale al enskribitaj personoj. Ĉiuj Esperantistoj devas helpi por sukceso de tiu ĉi entrepreno kiel unua praktika aplikado de Esperanto.



La prezidanto de «Brazila Ligo Esperantista» kaj tiu de la Organiza Komitato de la SesaBrazila Kongreso de Esperanto sendis al la Komerca Asocio de Rio de Janeiro, kiu estas samtempe Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj, raporton pri la nuna stato de la propagando de Esperanto en la tutmonda komerco.

Tiu ĉi raporto estas legita en ĝia lasta kunsido, okazinta la 11.an de l' nuna monato, kaj la Komerca Asocio unuanime aprobis la jenan gravan deziresprimon:

«La komerco de Rio de Janeiro, certa, ke la helpa lingvo Esperanto, kies realigebleco estas praktike kaj tutmonde pruvita, povas fari kaj jam faras grandajn servojn al la komercaj rilatoj inter la nacioj, decidis doni al la proksima Sesa Kongreso de Esperanto sian tutan moralan helpon kaj pri tio oni komunikis al *Brazila Ligo Esperantista.*»

S-roj. Araujo Franco, Alfonso Vizeu, D-ro Augusto Ramos kaj J. Dias Tavares, respektive prezidanto, unua sekretario kaj direktoro de la Komerca Asocio akceptis esti patronoj de la Sesa Brazila Kongreso de Esperanto.



En la tuta Usono Esperantistoj entuziasme kaj aktive agadas, tial estas rimarkinda Esp. revekiĝo ĉie kaj la lasta plej grava okazintaĵo estis la Sesa Ĉiujarkunveno de la California Esperantista Rondaro en San Francisco, dum kiu S-ro A. S. Vinzent faris esperantan paroladon por pruvi praktiuzeblecon de Esperanto, samtempe prezentante belegan silkan ĉambran robon aĉetitan de li en Japanujo al Esperantisto, kiu brodis ĝin laŭ desegnaĵo elektita de la aĉetinto, mirindaj naztukojn, kiujn faris kaj vendis belgaj Esperantistoj, kaj aliajn diversajn aĉetitaĵojn de Anglujo, k. c. Ankaŭ la nova vicprezidanto de la Rondaro parolis pri siaj spertoj pro sukcesplena uzado de Esperanto tra Siberio kaj fremdaj landoj.



Vigle kaj sukcese Esperanto antaŭeniras en Francujo. Antikvaj grupoj refondiĝas. Gravaj okazintaĵoj estis: rondvojaĝo de S-ro Delanone (Nemours) tra sia regiono paroladante pri Esperanto, kun granda sukceso, ĉar multaj personoj interesiĝis kaj precipe la geinstruistaro de Montereau; decido de la Esperantistoj de Orleans okazigi nacian kongreson en Orleans; decido de Socialista Instruista Kongreso en Bordeaux alpreni Esperanton kiel oficialan lingvon.



En Transilvanio (Rumanujo) fervore laboras samideanoj; en Aŭstralio, la Laborista Konsilantaro de Sydney enkondukis Esperanton en sia lernejo por la laboristoj; en Rusujo, la Registaro akcelas alprenon de Esperanto, kaj la movado fariĝas vigla pli kaj pli.



Lia Papa Moŝto akceptis Doktoron Metzger, direktoron de Internacio Katolika (Ika), la 12.an de Oktobro lasta en privata aŭdienco, kaj la Direktoro informis lin detale pri laboroj kaj programo de Ika, kvankam pli antaŭe jam informis lin Kardinalo Gasparri.

Lia Papa Moŝto tre interesiĝis eldoni internacian katolikan organon, kies aperon ĉiam malhelpis diverseco de lingvoj; diverseco, kiu, laŭ rimarko de Lia Papa Moŝto, ankaŭ malhelpis pacajn konferencojn de Versailles, kaj li esprimis deziron pri daŭrigo de laboroj por paco kaj diris:

«La homoj opinias, ke nun ni havas pacon, ĉar la sangelverŝantaj bataladoj ĉesis; sed ĉi tio ne estas paco. Paco estas *tranquilitas ordinis* (trankvileco en ordo), kaj ordo estas justeco kaj amo; sed da ambaŭ oni vidas ĝis nun tre malmulton.»

Promesante helpon, Lia Papa Moŝto donis Apostolan benon al la entrepreno.



**Germanujo.**—De la 6.ª ĝis la 12.ª de la proksima Marto okazos la printempa foiro de Leipzig, Ĝenerala Specimen-Foiro, centra loko por la internacia komerco, kaj komercistoj povos sin turni al Messant fiir die Mustermessan in Leipzig, petante foir adreslibrojn en hispana, angla, franca, itala, pola, rusa kaj Esperanta lingvoj sendante 2. G. M. por sendokosto.

Dr. Dietterle (Seumestr, 10 Leipzig Schl), direktoro de la ŝtata Saksa Esp.-Instituto, detas al ĉiuj samideanoj teteroj pri la temo «Esperanto kaj Lernejo» kaj ĉion pruvantan disvastigadon de Esperanto, por prezenti oficialan raporton al lia registaro. Esperantistoj, kiel eble plej baldaŭ, komplezu D-ron Dietterle.



ĈEĤOSLOVAKIO. *-II. Internacia Foiro de Reichenberg. 13-21 Aŭg. 1921.* -La Esperanto fako de la Reichenberg'a Foiro sciigas nin, ke la foira kontoro starigis komercan fakon, kiu peras la rilatojn inter eksterlandaj unuarangaj firmoj kaj la eksportpova grandindustrio de Ĉeĥoslovakio (teksaĵoj, vitraĵoj, porcelanaĵoj, maŝinoj, kemiaj produktoj, Gablonz'aĵoj).

La Reichenberg'a foira kontoro volonte donas informojn letere kaj estas preta publikigi en la komerca parto de la «Foira Revuo» laŭ deziro adresojn de eksterlandaj gravaj firmoj, kiuj serĉas reprezentantojn kaj interrilatojn kun Ĉeĥoslovakio. Oni publikigas la sciigojn kun la mencio de la estanta intereso por produktaĵoj de ĉsl. origino. La Foira Revuo estas por tiuj ĉi celoj la plej taŭga gazeto, kiu fariĝis malgraŭ sia mallonga ekzistado gvidanta faka gazeto. Al ĉiuj firmoj, kiuj interesiĝas je la internacia komerco, oni rekomendas la interrilaton kun la Reichenberg'a foira kontoro kaj ĝia komerca fako. *Esperanto uzata!*



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid